Esperanto servu pacon!

# AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1976/77 №9(42) Majo

## PENSOJ LAŬTVOĈE

De la tago, kiam mi skribas ĉi tiun artikolon, ĝis la tago, kiam komenciĝos la vica SEJM-Konferenco, restis nur 3 monatoj. Do ĉiuj ni devas bone pripensi, kiel fari la Konferencon plej utila por ni, kiujn demandojn levi por plifaciligi la laboron de esperantistoj dum la venonta agadjaro, kaj sendube - kiujn kandidatojn proponi en la Komitaton.

Dum la 10-a SEJM-Konferenco oni elektis en la Komitaton homojn, kiuj ne emis aŭ ial ne povis esti sur la posteno. Pro tio la Komitato ekde la novembro - fakte preskaŭ tutan agadjaron - agas sen la prezidanto; pro tio ankaŭ plene malaktivas vicprezidanto pri renkontiĝoj M.Gilinskij. Ni ne faru do similajn erarojn en la estonto.

Nia Movado de jaro al jaro plivastiĝas kaj spertiĝas. Aperas novaj formoj de kunlaboro. Tri jarojn ekzistas en SEJM la sistemo de subtenantoj. La subtenantoj ne nur pasive ricevadas la informilojn kaj konatiĝas kun la vivo de SEJM-kluboj, sed plimulto el ili ofte kontribuas per artikoloj, konsiloj, laboro kun junularo. Kaj kiel sekvo de tiu kunlaboro - apero de novaj SEJM-kluboj (Krasnojarsk, Sizranj, Petropavlovsk-Kamĉatskij k.a.). Nun SEJM havas 80 individuajn kaj 9 klubajn subtenantojn! Tiuj ciferoj ion diras. Kiel ankoraŭ povus kontribui al SEJM-laboro la subtenantoj?

Iom da vortoj pri niaj informiloj. "Aktuale" nun, laŭ mia opinio, aperadas pli-malpli regule kaj entenas sufiĉe riĉan kaj aktualan enhavon. Sed "Kurte" lamas. Mi kaj kelkaj aliaj esperantistoj dum la Konferenco estis kontraŭ ĝi, opiniante, ke SEJM ankoraŭ ne estas tiom forta por havi du informilojn. Sed per plimulto da voĉoj estis aprobita la informilo de urĝaj sciigoj (vidu la 36-an decidon de la 10-a SEJM-Konferenco).

Se nun relegi ĉiujn 16 jam aperintajn numerojn de "Kurte", ni povas trovi ne pli ol 2 - 5 vere urĝajn informojn, la ceteraj plene taŭgas por "Aktuale". Kaj krome, tiuj vere urĝaj informoj venas kun ioma malfruiĝo.

Unuvorte, mia opinio pri "Kurte" ne ŝanĝiĝis - ĝi ne estas bezonata.

Jen ankoraŭ unu temo por pricerbumo: ĉu taŭgan aspekton havas "Aktuale"? Ni turnu nin al la lasta numero de la scienc-teknika folieto. Jen vere videblas la laboro de Scienc-teknika fako. Poiomete la folieto akiris imponan aspekton kun belega "kapo" kaj trafa titolo. Ĉu ne venis tempo por tio, ke ankaŭ "Aktuale" aspektu bele? Ni vidu, kiom da inventemo kaj spriteco demonstras la redaktoro de "Kurte" - kaj belaspektaj titoloj, kaj diversaj atentigaj signoj, kaj malgrandaj, ne forprenantaj multe da spaco, desegnaĵoj kaj ornamaĵoj... Ĉion bonan el "Kurte" necesus transpreni ankaŭ por "Aktuale".

Estas ankoraŭ multaj temoj por pripensado. Eble iu alia aldonos. Mi volus, finante ĉi tiun artikolon, alvoki la esperantistojn - aktivulojn: Estu pli zorgemaj pri nia agado! Pli serioze rilatu al la Konferenco kaj prepariĝu al ĝi anticipe!

D.Cibulevskij, vicprezidanto de SEJM.

"IDEISMO" KAJ "PRAKTIKISMO" EN NIA MOVADO

Leginte la fontomaterialon en "der esperantist" N-o5 - 1976, la reeĥon de A.Ĥarkovskij en "Aktuale" N-o5 kaj tiun de V.Samodaj en "Aktuale" N-o6, mi trovas la titolon de miaj samtemaj konsideroj tute prava.

1.Ĉu nur "ilo"?

Laŭ V.Samodaj, la afero estas tute klara: Esperanto estas lingvo. Lingvo estas rimedo de interkomunikado, ĝi ne portas ideojn. Ideojn portas homoj, kiuj utiligas lingvon (do ankaŭ Esperanton) por apliko de siaj ideoj.

D-ro D.Blanke skribas ("d.e." N-o5): "Mi absolute ne neas, ke ekzistas idearo, ĝenerale nomata "interna ideo". ... Tio, kion la esperantistoj ĝenerale esprimas per la nocio "interna ideo", estas humanisma-pacifisma idearo, prezentita de d-ro Zamenhof. Zamenhof certe supertaksis ĝuste la kapablojn de lingvo por la solvo de sociaj problemoj kun nelingva karaktero. Esperanto (el si mem) ne povas interfratigi la homojn, sed ĝi povas helpi al reciproka kompreno."

Oni eraras opiniante, ke lingvo estas simpla ilo, rimedo. Telefono, radioaparataro, televidilo ktp. estas iloj, rimedoj de komunikado, en sia funkcio neŭtralaj, seninfluaj, se ne temas pri lingvo, uzata per ili por disvastigi ideojn. Lingvo - tio estas homaj pensoj, ideoj, konceptoj, sentoj esprimitaj per vortoj, kaj ĝi ne ekzistas aparte de pensanta homo aŭ lia verko, kiel estas aparte diversaj iloj, rimedoj: hakilo, martelo, telefono. Lingvo estas socia fenomeno influanta socie kaj al socio. Do ĝi estas io multe pli komplika ol simpla ilo, rimedo. Interkomunikado ne estas laboro per iu ilo, sed reciproka transdono de pensoj, ideoj, konceptoj. Jam longe oni agnoskas, ke lingvoj ne estas simplaj iloj, sed ili kunportas, enhavas ion kroman - pensojn, ideojn, konceptojn karakterajn al siaj kreantoj - nacioj, ili kunportas la animon de sia kreanto - nacio. Se lingvo estus nur ilo de interkomunikado, la afero estus tute simpla: oni prenu - ekzemple - la ĉinan lingvon kaj nomu ĝin "lingvo internacia", kiun jam uzas 20% de la tuta nuna homaro. Prudentaj homoj ĝis nun ne proponis tian solvon. Do la afero estas pli komplika. Laŭ Zamenhof, "por ke lingvo estu internacia, ne sufiĉas, ke ni nomu ĝin tia".

Dum la longa homara historio ni vidis multajn provojn solvi la lingvoproblemon: ĉu per altrudado de iu nacia lingvo, nomante ĝin "internacia", ĉu per reformitaj latina, angla aŭ aliaj, ĉu per laŭplane kompilitaj Occidental, Interlingua kaj multaj aliaj. El ili konsiderindan sukceson ĝuas nur unu - Esperanto. Sekve ĝi devas enhavi ion, kion ne havis aliaj. Verŝajne ni ne eraros, se ni diros, ke tio estas la "humanisma-pacifisma idearo" (D.Blanke), aŭ laŭ la vortoj de Zamenhof: "la ideo pri frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj". Ĝi estas la animo, karaktero de Esperanto, kaj nur de Esperanto. Ĝin Zamenhof nomis "la interna ideo de Esperanto". Se Esperanto ne havus tian demokratan-humanan karakteron, ĝi ne povus pretendi pri la rolo de internacia lingvo, ĝi estus senperspektiva kiel centoj da aliaj kreitaj "planlingvoj" pli aŭ malpli perfektaj el lingvistika vidpunkto.

Ĉu la ideo pri frateco kaj justeco estas elpensaĵo de Zamenhof? Ĉu tiu ideo estas propra nur al Esperanto? Ĉu kaj kiom ĝi estas "nebula"?

Certe la saman ideon enhavis jam la utopioj de Campanella kaj Morus. Sub la sama "interna ideo" ("Libereco! Egaleco! Frateco!") komenciĝis la revolucioj en 1789, en 1905, en 1917. Se la ideoj kuntiras tiomajn homamasojn, ili ne povas esti "nebulaj".

Sed la ideo pri frateco, egaleco, justeco estas certe evoluanta ideo. Samkiel la scienca socialismo diferencas de la socialismo de Campanella kaj Morus, tiel ankaŭ la ideo pri frateco, egaleco, jus-

teco en 1917 diferencas de tiu en 1789. (Ankaŭ la kompreno pri la "interna ideo" en 1906, kiam Zamenhof ĝin esprimis, ne estis tia, kia ĝi estis en 1917 aŭ estas en 1977.) La vortoj restis samaj, sed la enhavo ŝanĝiĝis laŭ profundeco. En 1789 ĝi estis pure burĝenhava, en 1905 ĝi enhavis jam proletajn nuancojn (pro tio estis ankaŭ kontraŭuloj de la ideo), en 1917 ĝi ricevis novan enhavon. Sendube ĝia enhavo pliprofundiĝos, kiam ne plu ekzistos nocioj "oficiala lingvo", "laborlingvo".

Certe iusence ni povas paroli pri "nebuleco" de la interna ideo, kiel ankaŭ pri la nocioj "internaciismo" aŭ "proleta internaciismo". Ili estas "nebulaj" tiom, kiom "nebula" estas por ni la estonto. Ofte ni imagas ĝin tia, kia estas nia nuntempo, sed tia ĝi ne estos. Se ni parolas, skribas aŭ pensas pri komunisma socio, ĉu ĉio estas klara, nenebula, precize konata?

Verŝajne ne estas malfacile kompreni, kial dispartiĝis je "ideistoj" kaj "praktikistoj" la partoprenantoj de la II-a UK. Estis ja tiutempe la movado pure burĝkaraktera, ĝin partoprenis ĉefe burĝaj agantoj - aktivuloj el diversaj kapitalismaj landoj. Sed por la burĝaro la revoluciaj ideoj estis ja pasinto. La burĝaj "frateco, libereco, egaleco, justeco" estis jam atingitaj, kaj plua revoluciemo signifis jam danĝeron al la burĝaro. Pro tio ankaŭ multaj eminentaj burĝaj esperantistoj (Beaufront, Bourlet k.a.) tuj esprimis sin kontraŭ iu ajn ideo kaj postulis, ke Esperanto restu nur "praktika ilo" por plifaciligi interkomunikadon. Ankaŭ la klarigita de Zamenhof interna ideo de Esperanto signifis "danĝeran politikon". La burĝaro estas revolucia klaso en la feŭda socio. Ĝi restas revolucia ĝis atingo de la potenco. Post tio ĝi fariĝas reakcia por konservi sian regantan pozicion laŭeble pli longe. Ja ne povis la burĝaro en okcidenta Eŭropo (kaj precipe post 1905) adopti sen kontraŭstaro tiajn revoluciajn sloganojn kiel frateco, egaleco, justeco - la iamajn proprajn sloganojn. Ĉu ĝi povas tion nun, 60 jarojn post la Granda Oktobro, en la epoko de proletaj revolucioj kaj liberiĝo de koloniaj landoj? Kompreneble ne. Tio estus tute nenatura. Tion povas nur parteto de la burĝa socio.

Ni scias, ke Zamenhof ne estis marksisto nek politika revoluciulo. Des pli mirinde, ke li en 1910 skribis: "...kaj mi esperas, ke pli aŭ malpli frue la laboristaro estos la plej forta apogo de nia afero." Ĉu intuo? Ĉu kompreno pri la klasa konservativismo de la burĝaro ankaŭ en la lingva problemo?

Kaj nun, post la Granda Oktobro...

La Granda Oktobra revolucio ne povis solvi, forigi ĉiujn kontraŭecojn de la homa socio. La evoluo devas daŭri, daŭras en la direkto al plua internaciiĝo, kion postulas internaciiĝo de la ekonomia vivo, scienco, tekniko, kulturo. Sekve - devas pligrandiĝi kontraŭeco inter la internaciiĝo de la homa kulturo unuflanke kaj nacieco de la lingvoj - la ĉefa ilo de la kulturo - aliflanke. Ne ĉion ŝanĝis la Granda Oktobro en la homo ĝenerale, en lia psiko kaj karaktero. Ĝi ne forigis la homajn sindetenemon, inertecon, spiritan inercion, eĉ konservativismon rilate morojn, kutimojn, opiniojn, tradiciojn ktp. Ili restis kaj fariĝas kelkfoje kvazaŭ reakciaj, precipe kiam temas pri nacieco. Kaj lingvo - tio ja estas nacieco... Kiel ĉiu korpo emas konservi sian staton ĝis kiam al ĝi influas iu ekstera forto puŝanta, tiel ankaŭ la homa sinteno kaj konduto, ankaŭ konceptoj. Vi nur imagu, ke via lingvo estas "oficiala"... Kiu volas vin kompreni, ellernu vian lingvon. Vi ne havas "lingvan problemon", aliaj eble havas. Vi eĉ aŭdi ne volas pri ekzisto de tia problemo. Revolucio kaj evolucio - ambaŭ estas por vi finitaj.

Tial "praktikismo" ankaŭ nun, kvankam "tiu ne estas marksisto, tiu ne estas eĉ demokrato, kiu ne agnoskas kaj ne defendas la egalrajtecon de nacioj kaj lingvoj" (V.I.Lenin, Plena Verkaro, 5-a eld., v.24, p.125).

Fakto estas ankaŭ tio, ke ne ĉiuj homoj perceptas intelektajn

fenomenojn egale. Ekzistas homoj, kiuj ne ŝatas beletron, muzikon, aliajn artojn. Ili agnoskas nur ekonomiajn fenomenojn: komercadon, kolektadon, varabundon, materialan bonstaton. Ekzistas homoj sen amosento. Multaj homoj ne volas agnoski ekziston de ideoj. Sekve ni ne rajtas postuli, ke ĉiuj esperantistoj estu portantoj de la interna ideo de Esperanto.

D-ro D.Blanke ne agnoskas "aŭtomate funkciantan" ideecon de Esperanto, laŭ kio ĉiuj esperantistoj estus kvazaŭ iuj idealaj internaciistoj, "fratoj" inter si, strebantaj al belo kaj bono, al iu "sankta" idealo aŭ celo, "samideanoj" ĉiusence. Li pravas: tio estus utopiismo, plena nekomprenemo. Persono ellerninta Esperanton ankoraŭ ne renaskiĝis idee aŭ laŭ sia karaktero. Li nur fariĝis kapabla interkomunikiĝi ankaŭ kun alinacianoj samnivele kaj egalrajte, kio signifas premisojn por reciproka plena kompreno kaj amikeco sen humiligo, sen supereco, sen devigo al partnero paroli lingvon "oficialan".

La homoj naskiĝas en la mondon egalaj. La plejmulto da ili fariĝas plenvaloraj kaj utilaj al la socio. Sed iuj iĝas krimuloj, murdistoj, ekspluatantoj, rabistoj kontraŭ- aŭ laŭleĝaj (depende de socia sistemo). Malgraŭ ĉiuj ĉi lastenomitaj ni parolas pri "homeco" kiel ĝenerala trajto de la homo. Same ni rajtas paroli pri la interna ideo de Esperanto, kiun karakterizas demokrateco, humaneco, internacia amikeco, celantaj al plia frateco kaj egaleco de la popoloj.

Se Esperanto estus nur "ilo", se ĝi ne havus sian propran "animon", "spiriton", la internan ideon - tiun "ion", per kio ĝi diferencas de la naciaj lingvoj, de centoj da aliaj planlingvoj - ĉu ni havus milojn da kluboj, societoj, rondoj, ĉu ni havus tendarojn, konferencojn, kongresojn kun centoj kaj miloj da partoprenantoj? Ĉu "nur praktika" Esperanto bezonus tiaĵon?

## 2."Internaciismo" kaj internaciismo.

"Esperanto, kiel rimedo, ne naskas internaciistojn. ... Multaj ... bonege efektivigas siajn internaciismajn ligojn pere de aliaj lingvoj-iloj." V.Samodaj pravas: tiel estas. Infanoj ludas vendejon kaj opinias, ke tio estas efektiva. Ili ne konas aliajn ilojn krom la ludiloj. Iliaj imagoj estas limigitaj, infanecaj. Oni povas ludi simfoniojn de Beethoven per gitaro kaj diri al si, ke tio estas efektiva Beethoven. Plenkreskuloj tamen jam scias, ke instrumento utiligata por iu celo devas esti konforma precize al la bezonoj de la celo, ke de ilo dependas rezulto.

"Ekzistas strangaj internaciistoj, penantaj krei internaciismon per fortoj de individuoj ne kapablaj interkompreniĝi." Tiuj vortoj apartenas al Karl Liebknecht kaj estas skribitaj kvazaŭ precize por ni.

Ankaŭ V.Samodaj mem konfirmas: "... la lingvoj naciaj ... dividas homojn, kaj Esperanto ilin kunligas." Pli kaj pli ofte oni parolas pri internaciismo - per iloj, kiuj "dividas homojn". Ĉu tio ne estas pacmuziko per kanonoj? Ĉu ne temas pri "strangaj internaciistoj", pri pozantoj, ludantoj, reklamantoj? "Kia interkompreno sen simpla kompreno?" - demandis A.Ĥarkovskij. Ŝajnas, ke tiusence la homaro travivas sian infanecon kaj kontentiĝas per luda internaciismo, tra nacilingva detenemo. Mi ne opinias, ke lingvo estas la sola ingredienco de internaciismo, sed ĝi estas unu el la gravaj - tio, per kio ni esprimas nian internaciismon, faras ĝin komprenebla al aliuloj, per kio ili perceptas la esencon de nia internaciismo.

## 3.Kiu estas "vera" esperantisto, ĉu "ideisto" aŭ "praktikisto"?

Laŭ koncerna deklaro de 1905 "esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto." La socio bezonas kaj tiujn, kiuj okupiĝas pri ideoj kaj pluevoluigas ilin, kaj tiujn, kiuj nur "mastras" kaj ne ŝatas aŭdi pri ideoj. Estas necese apliki

Esperanton laŭeble en ĉiu vivofako. Neniu ideo havas sencon sen praktika apliko, ideoj manifestiĝas en praktika agado de homoj. Per sia praktika agado la homoj realigas la ideojn, kreas kondiĉojn por pluevoluigo de ekzistantaj ideoj aŭ por apero de novaj. Progreso ja estas efektivigo de progresemaj ideoj. Praktika agado estas kvazaŭ brulmaterialo, kaj ideoj kvazaŭ fajro, kiu nin varmigas, sed ne povas ekzisti sen brulaĵo.

4.Ankoraŭ pri la artikolo de A.Ĥarkovskij...

Jen kion li ankoraŭ diras: "Internacia kulturo ankoraŭ ne ekzistas. ... Tamen ĝi konstruiĝas jam kelkajn jardekojn, kaj Esperanto estas lingva formo de tiu kulturo."

Kio sekvas el tio?

Nia kulturo estas laŭ la enhavo socialisma, laŭ la formo nacia. Ĉar nacioj ankoraŭ ekzistas, daŭras ilia asimiliĝo, kion devas ja sekvi kunfandiĝo. Do nacian socion sekvos la internacia - sennacia, tial ĝia kulturo jam ne povas esti nacia laŭ la formo. Oni bezonas internacian lingvon por ke ekĝermu, kresku la kulturo de estonto, kion ne nur bremsas, sed eĉ neas solregado de naciaj lingvoj.

Ĥarkovskij daŭrigas: "Al mi ŝajnas, ke la homaro, kiu laŭ la objektivaj socileĝoj proksimiĝas al komunismo, naskas la mondan kulturon, kaj Esperanto almenaŭ faciligas tiun naturan proceson - kaj jam pro tio ĝia historia rolo estas vere revolucia."

Do ni vidas, ke ekzisto de "ideistoj" kaj "praktikistoj" en nia movado signifas ekziston de "revolucia" kaj "konservativa" flankoj en ĝi. Sed kelkloke la dialektiko estas stranga: ankaŭ ĉi-foje unuj helpas al aliaj moviĝi al la sama celo. Ankaŭ "praktikistoj" per sia praktika uzado de la internacia lingvo estas plenumantoj de la sama interna ideo, kies ekziston ili neas. Samkiel en kapitalisma sistemo fabrikanto ekuzante novajn maŝinojn klopodas pri sia profito, sed ankaŭ alproksimigas venon kaj venkon de socia revolucio.

Ni daŭrigu nian vojon, ĉar "proletaro ... subtenas ĉion helpantan al forviŝiĝo de naciaj diferencoj, al falo de naciaj baroj, ĉion farantan la ligojn inter la nacioj pli kaj pli firmaj, ĉion kondukantan al kunfandiĝo de la nacioj." (V.I.Lenin, Plena Verkaro, 5-a eld., v.24, p.133.)

J.Ojalo (Tallinn).

## ESPERANTO - ILO, SED NE CELO

Ĉi tiu demando estas aktuala por nuntempa E-agado en nia lando. Ŝajnas, ke ĉio estas klara kaj komprenebla: nur malmultaj rifuzas tiujn ĉi vortojn por agado de E-kluboj kaj kluboj de internacia amikeco. Tamen reale ne ĉio estas simpla... Malgraŭ la klareco, malofte oni povas ĉe ni renkonti klubojn, kiuj prenis tiujn vortojn kiel devizon en la laboro.

La nuntempa mondo kun ĝia socia, politika kaj kultura vivo postulas de ĉiu klera homo konstantan atentemon. Ekzisto de du kontraŭbatalantaj tendaroj - socialisma kaj kapitalisma - senevite naskas ideologian batalon, batalon ne por vivo, sed por morto. Kaj ni ĉiam devas esti pretaj por doni rebaton al ĉiuspeca burĝa ideologio. Ni devas esti kleraj politike. Tio unuavice koncernas la sovetajn esperantistojn.

Bedaŭrinde, la E-agado, E-kluboj kaj apartaj esperantistoj estas flanke de la politika vivo, de aktiva partopreno en ĝi. Ĉu tio dependas de la neŭtraleco de nia lingvo? Ne! Niaj malamikoj senĝene uzas Esperanton por propagandi sian ideologion, por kalumnii la socialismajn landojn. Kaj samtempe ili krias plenvoĉe, ke esperantistoj estas neŭtralaj en siaj politikaj konvinkoj, ili krias: unuiĝu ni, kaj tio alportos grandegan utilon por nia amata lingvo. Pripensu ĉi tiujn vortojn, troveblajn en unu el lastaj numeroj de "Herol-

do de Esperanto". Ja ili estas saturitaj per cinikeco. Ĉu ni, sovetaj esperantistoj, povas iri kune kun etburĝa, religia, griza amaso?

Ni estas batalantoj! Ni luktas por grandaj idealoj, desegnitaj por ni de Lenin, de la Komunista partio. Kaj en tiu batalo ne estas mezo. Kiu ne estas kun ni, estas kontraŭ ni. Ĉiu neŭtrala organizo jam laŭ sia esenco estas burĝa. Alvokante al granda laboro por bonstato de Esperanto, ili alvokas nin lasi nian aferon.

Necesas vivi ne per la "lingvo por lingvo"! Necesas uzi ĝin en sia laboro. Multaj kluboj starigas antaŭ si ordinarajn taskojn, kvankam kompreneblajn kaj subtenatajn de multaj esperantistoj. Tiuj taskoj estas propagando kaj disvastigo de la lingvo. Ĉi tiu, kvankam grava, laboro ne devas fermi por ni la ĉefajn taskojn - politikan klerigon, edukadon de internaciismo, patriotismo, sento de amikeco inter la popoloj, lukton por paco.

Konsentu ni, ke en la pacbatalo ni devas kompromisi kaj unuiĝi kun diversspecaj organizoj, sed kio estas komuna inter la soveta patriotismo kaj la burĝa, inter la proleta internaciismo kaj la nacia politiko de kapitalismaj landoj, trasaturita de rasismo?

Ĉiu E-klubo devas memori, ke studado de la internacia lingvo, ĝia propagando - tio ne estas ĉefa tasko de la klubo. Kunlaborante kun la sociaj, sindikataj, komsomolaj kaj partiaj organizaĵoj, ni ne povas kaj eĉ ne rajtas limigi nin nur per tio ĉi. Nia ĉefa tasko - uzi la lingvon kiel ilon por propagando de la soveta realeco, de la pacama ekstera politiko de nia ŝtato, ilon por edukado de sovetianoj en la spirito de proleta internaciismo, en la spirito de amikeco inter popoloj.

Ni ne kuiriĝu en propra suko. Ni ne devas limigi nin nur per la lingvo. Ni devas aktive labori por fortikigo de paco, ni estu solidaraj kun la batalo de la mondjunularo por demokratio kaj progreso. Ni batalu kontraŭ imperiismo kaj burĝa ideologio. Ni estu unuavice internaciistoj, sed nur poste esperantistoj.

Nur tiam nia E-movado akiros fidon kaj aŭtoritaton.

V.Rjabinin (Permj).

## NE NUR INTERNACIA, SED ANKAŬ INTERNACIIGA

Ĉu vere Esperanto kiel fenomeno ne enhavas iun idearon per si mem, sendepende de homoj ĝin uzantaj? Nu, la aserto ke ideojn kreas homoj kaj nur ili estas portantoj de ideoj, tute ne neas la alian marksisman tezon - ke ideoj iĝas materia forto, kiam ili estas alproprigataj de popolamasoj. Krome, sociaj ideoj ne taŭgas por esti uzataj de kiuj ajn homoj. Tio dependas de ilia klasa pozicio. Kaj tiam la ideoj mem diktas al la homoj ties agojn.

Tamen, asertas V.Samodaj, lingvo ne enhavas iujn ideojn, ĝi estas nur ilo, indiferenta al bono kaj malbono, kiu povas servi al dio kaj al diablo, depende de homoj ĝin uzantaj. Sed Samodaj samtempe ne neas, ke Esperanto ne estu rigardata same kiel naciaj lingvoj. Verŝajne pro tio, ke ĝi estis konscie kreita, kaj do ties kreinto ja povis enmeti en sian kreaĵon certajn ideojn. Ja neniu dubos, ke Zamenhof en sia Esperanto realigis kelkajn lingvistikajn ideojn, kiuj tamen superas pure lingvistikajn kadrojn kaj iĝas sociaj ideoj. Temas unue pri la simpleco kaj facileco de la lingvo, do ties konscia celado al vastaj popolamasoj; due, Esperanto estis bazita sur elementoj komunaj por multaj eŭropaj lingvoj. El ĉio ĉi videblas, ke Esperanto kiel lingvo jam enhavas en si certajn demokratiajn kaj internaciismajn trajtojn, do ĝi enhavas senduban idearon internacian kaj internaciigan. Oni diras ke faŝistoj provis uzi Esperanton. Sed ĉu ili sukcesis? Se oni iam mortigis homon per fosilo, tute ne ŝanĝiĝas la fakto, ke fosilo estas destinita por alia

celo. Ni ankaŭ scias eĉ modernajn provojn misuzi socialismajn ideojn (en Ĉinio ktp.), sed la ideoj mem rezistas kontraŭ tio. Imperiistoj ne bezonas Esperanton, ĉar ili havas sufiĉe da tempo kaj mono por studi lingvojn, uzi servojn de interpretistoj kaj multekostan teknikon. Male, imperiistoj faras lingvan diskriminacion, ili estas adeptoj de ekstrema naciismo. Jes, malprogresemaj reĝimoj ne bezonas Esperanton, ĉar ili laŭ sia naturo estas naciismaj. Kaj provoj uzi la Internacian Lingvon por militarisma aŭ rasisma propagando nepre malsukcesas, ĉar ili kontraŭas al Esperanto kaj al esperantismo.

Ja krom la menciitaj lingvistikaj ideoj (kiuj tamen havas sociajn tendencojn) Esperanto enhavas ankaŭ certan tradician idearon ("esperantismon"), proklamitan de Zamenhof kaj evoluigitan de pluraj generacioj en la movado, cetere ankaŭ en la laborista E-movado. Certagrade ĝi nutriĝis ankaŭ de la burĝa pacifismo, sed nun tiu pacifismo iĝis aliancano de ĉiuj pacamaj fortoj. Dum la jardekoj foriris la religiema flanko de la esperantismo, sed ties "interna ideo" restas aktuala. Ĉu vere ĝi estas forĵetenda nebulaĵo, ŝelo, kiu kvazaŭ nur malhelpas al progreso de Esperanto? Ĉu jam venis tempo, ke la esperantistoj iĝu ne batalantoj, sed profitantoj? Bedaŭrinde, tiu tempo ankoraŭ ne venis, kaj entuziasmo de plejmulto da E-adeptoj ankoraŭ nutriĝas per idealismaj motivoj - kredo pri estonta venko de la komuna afero, kaj ili strebas ĉiurimede alproksimigi tiun venkon. En E-movado intertempe kreiĝis siaspeca mikrokulturo, sia etoso kaj tradicioj tute ne balastaj.

Niaj amikoj en la aŭstra komunista E-grupo prave opinias, ke necesas partopreni en la universala E-movado surbaze de la komunaj esperantismaj ideoj, ĉar tio objektive kontribuas al progreso de la homaro, al paca kunekzistado, al paca kunlaboro. Kaj se elĵeti la internan ideon, ĉu ne restos de Esperanto nur tio, ke ĝi estas la plej facila lingvo? Kaj ĉu ne pravos tiam Konstantin Paustovskij, ke Esperanto estas ŝelaĵo de ĉiuj lingvoj kaj ties sola avantaĝo estas tio, ke ĝi estas facila?..

Kial tamen lingvo ne povas esti portanto de iu ideo? Al mi ŝajnas, ke ĉiu ajn lingvo povas esti ideohava tiomgrade, kiom ĝi estis konscie kreita. Se estas vero, ke Lomonosov kaj Puŝkin kreis la literaturan rusan, M.Luther la germanan ktp., do ĉu ili ne emis kaj ne povis realigi per ĝi kaj en ĝi certajn ideojn? Des pli tio validas por lingvo atrefarita, en kiun ties kreinto povas dekomence enkorpigi antaŭdifinitajn ideojn. Ĝi tute ne estas mistiko. La ideoj povas esti pure lingvistikaj (kial ne?) - en Esperanto ili estas: facileco (=demokrateco!), baziĝo sur plej komunaj elementoj de diversaj lingvoj kaj kulturoj (=internacieco!). Do eĉ tiuj pure lingvistikaj principoj superkreskas siajn kadrojn kaj iĝas socisignifaj ideoj. Evoluigite, ili akceptas formon de esperantismo - siaspeca idearo tradicia.

Kaj kiajn ankoraŭ ideojn oni povas ligi kun Esperanto? Ĉu naciismajn? Ŝovinismajn? rasismajn??? Tie Esperanto neniam trovos fekundan medion.

Kompreneble, marksismo ne toleras, se io alia pretendas al ĝia rolo de universala ideologio. Sed, ŝajnas al mi, esperantismo neniam pretendis esti universala ideologio. Aliflanke, ekzistas ja tiaj "ideologioj" (pli precize, idearoj), kiel vegetarismo, darvinismo k.a., kies rajton pri ekzisto la marksisma ideologio ne neas. Ekzemple, ankaŭ pri vegetarismo oni povas same diri, ke jen Hitler estis vegetarano, kio tamen ne malhelpis al li esti kanibalo. Sed pro tio ne perdas sian sencon la eldiro de Leonardo da Vinci, ke en la mondo estos militoj, dum restos buĉado de bestoj. Mi mem ne estas vegetarano, sed mi opinias, ke almenaŭ parto de la vegetarisma "ideologio" estas sociutila.

Do al mi ŝajnas, ke Samodaj ne devis kategorie oponi la penson de Ĥarkovskij, ke oni ne rajtas tiusence kompari la naciajn lingvojn kun la internacia. Ĉu povas popolo esti portanto de ideo? Jes! Sed

ĉu hazarde en multaj lingvoj, ekde pratempoj, "popolo" kaj "lingvo" estas sinonimoj?! Do pravas R.Gamzatov, pravas A.Ĥarkovskij. Ĉar se ĉesas la lingvo - ĉesas la popolo. Renaskiĝas la lingvo - renaskiĝas la popolo.

Do, oni devas pozitive respondi al la demando: ĉu homo iĝas pli bona aŭ pli malbona sole pro la uzo de Esperanto? Jes! Esperanto enhavas senduban internacian kaj internaciigan ideon kaj edukas tiudirekte siajn verajn adeptojn.

D.Kolker (Zaporoĵje).

"INFORMACIO POR CERBUMADO"

Mi abonas la ĵurnalon "Sovetskaja molodjoĵ", eldonatan en Riga. Ĝia enhavo estas ne tre interesa, sed la materialoj varias kaj ekstera aspekto estas moderna, originala... Bedaŭrinde, mi ne povas ion aldoni, ĉar la ŝatata rubriko pri Esperanto - lingvo de amikeco - jam forestas. Ĉu por ĉiamo? Kaj kion ni povas kaj devas fari, por ke ne okazu tio?

La rubriko estis vere unika. Verŝajne ĝin mortigis nia pasiveco - aŭtora kaj abona. Eble estis iaj pure redakciaj kaŭzoj, sed la fiasko verŝajne ne okazus, se la redakcio regule ricevadus E-materialojn kaj se la redakcianoj vidus, ke ilia ĵurnalo estas la sola loka gazeto, kiun oni abonas kaj legas en dekoj (aŭ eĉ centoj) da loĝlokoj de tuta nia lando.

Mi opinias, ke unu el "taskoj de la sezono" devas esti demando pri morala kaj kontribua subteno de plej "esperantemaj" redakcioj kaj eldonejoj. Ĉar ekzemple la E-eldonaĵojn de Tallinn, de Riga ni dume perceptas kiel "mielon el la ĉielo". Sed ili ja bezonas niajn reeĥojn, recenzojn ktp.

Konsente kun la artikolo de J.Kivajev ("A" N°7) kaj kun la komento de la redaktoro, mi volus aldoni: kompreneble necesas plani la enhavon de "Aktuale". Kaj ne fragmente, sed regule, laŭ decidoj de SEJM-Konferenco, laŭ novaj, freŝaj ideoj, demandoj ktp.

Ankoraŭ momento: A.Vaitilavičius en "A" N°5 kvazaŭ interalie skribas pri SEU: "laŭ iuj asertoj, ĝi neniam estis likvidita". Valora, tre racia penso! Ĝi donas ne nur "informacion por cerbumado", sed eble starpunkton por nova praktika kampanjo.

V.Ĉernov (Kaluga).

PROFESORO D.L.ARMAND (1905-1976) PRI ESPERANTO

Al la problemo de internacia lingvo geografo Armand rilatis same science profunde, kiel al ĉio. Li traktis ĝin en 47 artikoloj, inter kiuj majestas du fundamentaj ruslingvaj manuskriptoj "Esperanto serve al geografio" (1962) kaj "La scienc-teknika informado kaj la problemo de multlingveco" en du versioj (1963, 1968). La lasta estis presita nur en 1976 fragmente en la organo de MEM "Paco" kaj estas la lasta, 750-a en lia verkolisto.

Bedaŭrinde, eldonitaj estas nur 10 artikoloj ruse kaj 7 esperantlingve. Manuskripte restis 30 ruslingvaj artikoloj - vera trezoro por E-movado. Krom la priesperantaj, Armand postlasis 17 natursciencajn verkojn en Esperanto (14 presitajn, 3 manuskriptojn).

La literatura E-agado de Armand apogeis en 1961-63 (16 artikoloj) kaj 1975 (10 artikoloj). Al la unua el tiuj aktiviĝoj apartenas 7 artikoloj pri apliko de Esperanto en geografio, dank' al kunagado de elstaraj geografoj kaj esperantistoj N.N.Baranskij (1881-1963) kaj S.V.Obruĉev (1891-1965).

La ĉefaj E-publikaĵoj de D.L.Armand estas jenaj:

## Pri Esperanto

1. Probleмo de internacia lingvo por sciencaj kontaktoj kaj sciencaj laboroj en geografio (kun N.N.Baranskij, S.V.Obručev). "Izvestija vsesojuznogo geografičeskogo obŝĉestva", 1961, №-4.
2. Problemo de internacia lingvo en geografio. "Trudy I-j meĵdunarodnoj konferencii po jazykovoj probleme v nauke", 1962. Ankaŭ en "Scienca revuo", 1964, v.13.
3. Transskribo de geografiaj nomoj en Esperanto kaj ĝia uzo por ordigo de naciaj transskriboj. En la samaj kolektoj.
4. Ĉefaj principoj de transskribo de geografiaj nomoj en Esperanto. Eld. Transsriba Komisiono de la Lingva Akademio, 1963.
5. 64 lingvoj kaj ankoraŭ unu (kun A.I.Berg, E.A.Bokarev). "Literaturnaja gazeta", la 28-an de aŭgusto.1968.
6. Esperanto - lingvo de estonto (kun M.I.Isajev). "Teĥnika i nauka", 1974, №5.
7. Esperanto (kun S.N.Podkaminer). "Kulturo kaj vivo" (en la rusa, angla, franca, germana, hispana), 1975, №1.
8. Homaro kaj oceano de informacio. En la kolekto "Problemy interlingvistiki", 1976.
9. La scienc-teknika informado kaj la problemo de multlingveco. "Paco", 1976, №№ 2 - 3.

## Natursciencaj

1. Kunlaboro kontraŭ erozio. "El popola Ĉinio". 1958, №4. (La unua E-verko de D.L.Armand).
2. La internacia lingvo en servo de socialismaj landoj. "Nuntempa Bulgario". 1959, №5.
3. Grava evento (recenzo pri "Elements de geologie en six langues"). "Nuntempa Bulgario" (aldono), 1966, №8.
4. Mondmapo (kunaŭtore). Beogrado. 1968.
5. Duflanka problemo de mondaj resursoj. "Scienca revuo", 1969, v.20, №3-4.
6. Lenin kaj protekto de la naturo. "Paco", 1970, №4-5.
7. Poŝatlaso de la mondo (kunaŭtore). Praha, 1971.

Pli ol 100 verkoj de Armand estas tradukitaj en 14 lingvojn (angla, azerbajĝana, belorusa, bulgara, ĉina, Esperanto, estona, franca, germana, hispana, itala, litova, rumana, slovena). Inter ili Esperanto okupas la 1-an lokon laŭ kvanto de la verkoj kaj la 5-an - laŭ ilia suma volumeno (post la angla, franca, germana, estona).

Mem D.L.Armand verkis originale aŭ tradukis en la angla, franca, germana, rumana, Esperanto, itala: tiujn lingvojn li sciis eĉ parolnivele. Krome li legis ĉine kaj japane. Sed lia koro ĉiam estis kun la Internacia Lingvo Esperanto!

Karaj gesamideanoj! En nia lando David Lvoviĉ Armand senprecedente kontribuis por Esperanto sur scienca kampo. Mi proponas establi ĉiujaran Premion de Armand por la plej bona verko farita por aŭ en Esperanto. Financi la Premion povus SEJM aŭ kreota Armand-fonduso (la unua preferindas).

L.Medvedev (Moskvo).

MOZAIKO MOZAIKO MOZAIKO MOZAIKO MOZAIKO MOZAIKO MOZAIKO

CRRER-15

sukcese pasis la 30.4. - 2.5. en Apudmoskvo. Partoprenis 54 personoj el Moskvo, Ivanovo, Pskov, Ĉeljabinsk, Ĥarkov, Sizranj. Okazis seminario de aktivuloj, instruado de kantoj, festa vespero, prelegoj de B.Tokarev, S.Kuznecov k.a., sportkonkuroj, loterio ktp.

NE SUFIĈAS REEĤOJ

al la alvoko de rigaj esperantistoj ("A"-6, p.62). Por sukceso de la afero necesas minimume 5000 ekz. menditaj, sed dume mendoj venis nur por 3000. Montru vian esperantistan konsciencon kaj partoprenu en la antaŭmenda kampanjo! La mendoj estas akceptataj ne nur de kluboj, sed ankaŭ de individuoj.

TEATRO KAJ ESPERANTO

La 16-an de aprilo en urba Kulturpalaco krasnojarskaj geesperantistoj okazigis vesperon de amikeco kun Dudinka popola teatro, kies aktoroj nun fervore studas Esperanton. Sub gvido de malnova esperantisto V.Dimitriadi ili esperan kunigi ambaŭ interesojn.

Dum la vespero la gastoj kaj mastroj bonege interamikiĝis kaj decidis firme subteni la kontaktojn. La krasnojarskanoj volonte helpos al kresko kaj maturiĝo de la nova E-kolektivo.

ESPERANTO SCIENCE ESPLORATA

Fine de aprilo en Krasnojarska universitato okazis studenta scienca konferenco. Por ĝi studentinoj de jura fakultato Z.Zamula kaj L.Andrejeva preparis komunan prelegon-referaĵon "Esperanto kaj socia progreso". Ĝi estis prezentita dufoje: en la rusa lingvo kaj en la angla.

KUNFLUGO DE STUDENTOJ-INTERNACIISTOJ

okazis la 17-an de aprilo en Krasnojarsk. Ĝin partoprenis ankaŭ membroj de la urba E-klubo. Ili organizis E-ekspozicion por pli ol 500 ĉeestintoj kaj elpaŝis en la komuna koncerto kun propraj programeroj - kantoj kaj versaĵoj en Esperanto.

VIGLA GAZETARA PROPAGANDO

Dum aprilo - majo en krasnojarska gazetaro aperis kaj aperos sufiĉe multaj materialoj pri Esperanto kaj agado de la urba klubo. Ekzemple, la regiona ĵurnalo "Krasnojarskij komsomolec" la 14-an de majo aperigis artikolon de V.Sapoĵnikov "Ja vam piŝu ... na Esperanto" pri la kluba laboro. Ofte publikigas artikolojn pri E-agado la ĵurnalo de Siberia teknologia instituto "Za kadry", dank' al aktiva laboro de I.Danilin. Jam aperis 3 artikoloj, ankoraŭ 3 estas preparataj. Daŭrigas la tradician E-informadon la ĵurnalo "Universitetskaja ĵiznj". Same favore rilatas al la E-klubo kaj volonte akceptas E-materialojn la ĵurnaloj de ĉiuj urbaj institutoj. Mankon de interesaj materialoj la klubanoj ne sentas, ĉar nun la agado de la klubo estas diversflanka, abunda kaj interesa.

PRINTEMPO VENIS ANKAŬ EN KRASNOJARSKON

Du eksterurbajn ekskursojn okazigis la membroj de la urba E-klubo dum la majaj festotagoj. En kadroj de la turismaj marŝoj okazis prelegoj, E-ekspozicioj, dancoj, ludoj kaj eĉ "konkero" de la plej alta apudkrasnojarska montopinto: la klubanoj fotiĝis en la altaĵo de 1800 m sub la verda standardo.

AL VIZITONTOJ DE MOSKVO

Ĉar la nuna kunvenejo de MIEK - la Domo de instruistoj - estos fermita por la somerferia periodo, en junio - aŭgusto la klubkunvenoj okazos dum merkredoj je la 18-a horo en la Kulturpalaco de "Metrostroj" - Kostomarovskij per. 3 (veturi de Kurska stacidomo per ajna tramo ĝis la unua haltejo). Bonvenon!